AE115

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **4/06/2013 Cent dekkvina Eldono 4/06/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 244 RETADRESOJ**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Aŭskultu **Retradion en Esperanto ĉiun tagon** Informaj rakontetoj, Bona lingvo,

Programlisto http://esperantaretradio.blogspot.co.at/

## Pli da vivo por nia lingvo 28 Majo



Esperanto estas mondvasta fenomeno kaj tial ĝi devas esti akcelata je monda nivelo. Tio eblas sen granda peno kaj kostoj helpe de la interreto. Dum en la epoko antaŭ la interreto jam sufiĉe bone funkciis la skriba komunikado en Esperanto, la parola komunikado tiam limiĝis al kongresoj kaj renkontiĝoj kaj al kelkaj radiostacioj kiuj tamen ne havis tre grandan atingopovon kaj tial la parolata lingvo suferis en sia evoluo kaj postrestis.

Nun, en la epoko de la interreto eblas kaj necesas kompensi tiun mankon. La teknikaj rimedoj estas je dispono, kaj ilia uzo eĉ ne kaŭzas signifajn kostojn, sed postrestas ankoraŭ la konscio pri la graveco de la evoluigo de la parolata lingvo. Mankas evidente homoj kiuj estas kapablaj kaj pretaj paroli al interreta publiko en Esperanto. Mi nur povas alvoki ĉiujn kiuj sentas en si la emon disvastigi Esperanton per parolado mem registri provocele paroladojn por oferti poste paroladojn al aŭskultado en la interreto.. (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu demisio nuligas respondecon pri informado?

## Vintra Lernejo en Junio



Saluton de la Sheidow Park Vintra Lernejo! Vidu sube rapidan mesaĝon pri propono por okazigi malferman vespermanĝon en Adelajdo vendredon la 7an de junio por ke ĉeestantoj povu kuniĝi, babiladi, kaj, espereble, aŭskulti interesan paroladon de eminenta gast-parolanto [ankoraŭ ne invitita :-)]. RETPAĜO por la vintra lernejo http://www.esperanto.com.au/
Gordon Coleman

## SYDNEY LANGUAGE FESTIVAL

Jen mia raporto kun ligo al 5 filmetoj. Amike, Nicole

La unuan de junio 2013 okazis lingva festivalo en la universitato Macquarie en Sidnejo, Aŭstralio. Ĝi estis organizita de la Esperanto-federacio de Novsudkimrujo kune kun la universitato Macquarie. La festivalo komenciĝis je la 10a30 matene. Unue du personoj el la universitato parolis, poste Richard Delamore bonvenigis en granda ĉambro la ĉeestantojn nome de la Esperanto-federacio kaj iomete klarigis pri Esperanto kaj ĝia historio.

De la 11a horo ĝis la 12a30 okazis 30-minutaj prezentoj de lingvoj. Okazis proksimume 6 prezentoj samtempe. Eblis bedaŭrinde ĉeesti nur 3 prezentojn maksimume. La prezentoj estis faritaj plejparte de Esperantistoj aŭ instruistoj de la universitato Macquarie.

Okazis 3 prezentoj pri artefaritaj lingvoj. Unue pri Esperanto prezentita de Trevor Steele kaj Richard Delamore. Richard kun juna vigleco rapide prezentis la lingvon kaj Trevor iomete paroligis la ĉeestantojn. Proksimume 30 personoj ĉeestis, plejparte junaj studentoj. Poste Jonathan Cooper, Esperantisto, prezentis aliajn artefaritajn lingvojn. Li klarigis, ke ekzistas multaj, ne nur Volapuko kaj ekzistas ankaŭ tre malnovaj ekzemple Lingua Ignota, kreita jam en la 12a jarcento. La 3a prezento pri artefaritaj lingvoj temis pri la lingvo Fitusa kreita en 1935. Alan Libert, profesoro pri lingvistiko en la universitato de Novkastelo priskribis tiun lingvon. Alan tre interesiĝas pri artefaritaj lingvoj kaj scias multon pri Esperanto. Li iom lernis Esperanton, kapablas legi ĝin, sed

ne vere estas Esperanto-parolanto. Li elektis paroli pri Fitusa kiu estas tute ne konata lingvo. Ĝi estas aprioria lingvo, ne kiel Esperanto kiu estas bazita sur naturaj lingvoj. Tamen Fitusa iom similas al Esperanto: substantivoj finiĝas per o, adjektivoj per a, verboj per i. La vortoj plejparte ne estas bazitaj sur ekzistantaj lingvoj, tamen "pafi" signifas "to shoot". Laŭ tio kion mi komprenis la plej originala kaj interesa fakto pri tiu lingvo estas ke similsencaj vortoj estas similsonaj, ofte kun nur unu malsama vokalo. Kuracisto estas "taf", dentisto "tif", litero estas "saf", silabo "sif", vorto "sof" kaj frazo "suf". Kvankam tio ŝajnas logika solvo, en praktiko ĝi supozeble ne estas tre bona, ĉar se oni misaŭdas vokalon, oni miskomprenos. Deko da personoj ĉeestis tiun prelegon.

Aliaj lingvoj prezentitaj de Esperantistoj estis la korea de Ĵo Turvey, la hungara de Sandor Horvath kaj la angla lingvo de Marko Schmidt, aŭtoro de *Rakonto de ovoj*. Strange nur 6 personoj ĉeestis la prezenton de la angla lingvo. Ĉu ili pensas, ke ili jam sufiĉe scias pri la angla? Marko atentigis pri vortoj kiel "go off". Multaj fremduloj miskomprenas ilin ĉar ili ne scias ĉiujn signifojn de tiuj vortoj.

La frato de Jonathan Cooper, kiu estas lingvisto, faris du prezentojn: pri la endanĝerigita kalaŝa lingvo parolata en parto de Pakistano kaj la dua prezento temis pri la Urdua kaj Hindia lingvo.

Je la 12a30 komenciĝis la koncerto. La unua kanto estis tiu de grupeto de Esperantistoj. Ili kantis Waltzing Matilda en Esperanto antaŭ granda publiko. Sekvis kantoj en la rusa, itala, japana kaj ĉina.

Konklude ĝi estis tre sukcesa evento, sed mankis tempo por babili kun la ĉeestantoj. La duonhoraj prezentoj estis laŭ mi tro mallongaj, devus esti eble 15 pliaj minutoj por havi tempon por fari multajn demandojn. Krome devus esti almenaŭ 10 minutoj inter la prezentoj por iri al alia ĉambro, ktp. Ekzemple la dua prezento kiun mi ĉeestis finiĝis kun 5 minutoj da malfruo kaj do absolute tuj venis la venonta prezento, eĉ ne estis tempo por iri al

necesejo. Tuj post la fino de la 3a prezento komenciĝis la koncerto. Laŭ mi devintus esti 15 minuta paŭzo kaj tiam oni povus interŝanĝi kelkajn impresojn pri la lingvaj prezentoj kun aliaj ĉeestantoj antaŭ ol aŭskulti la koncerton. Iel Roger tamen sukcesis fordoni proksimume 300 ekzemplerojn de la ŝlosillibreto.

En la festivalo partoprenis 4 Esperantistoj el Adelajdo kaj 2 el Melburno. Post la koncerto grupo da Esperantistoj kune manĝis.

Multaj ja aŭdis pri Esperanto dum la festivalo. Eble iuj nun scivolemas kaj provos uzi la reton por pli profunde informiĝi.

Vidu filmetojn pri la festivalo:
http://www.youtube.com/watch?v=xH2uOUWyas4
http://www.youtube.com/watch?v=PMhYn0WHBP0
http://www.youtube.com/watch?v=WWRyWh-F5IM
http://www.youtube.com/watch?v=eMvXH-i8a0Q
http://www.youtube.com/watch?v=tDKkT589eZw

EFNSK dankas Dmitry Lushnikov kiu proponis, aranĝis, organizis, kontrolis la Sidnejan Lingvan Festivalon kaj ĝi estis grandega sukceso Roger S



Fotoj faritaj de Nicole

Trevor prelegis en Esperanto-Domo la 31an de majo 2013.



Jen la ĉeestantoj de la Esperanto-leciono la 1an de junio ĉe SLF



Jen foto kiam la esperantistoj kantis Waltzing Matilda en Esperanto.

## Lingva Festivalo Koncerto

http://www.youtube.com/watch?v=PMhYn0WHBP0 Nicole Else



La Esperantistoj manĝas en la manĝsalono

Fotis Mei






Informada tablo

fotis Mei

Fordonis ĉirkaŭ 300 libretojn





## **Esperanto-Domo Sidnejo** antaŭ kaj post SLF.

31a majo: Venis Sandor Horvath, Nicole Else, Roger & Mei Springer, Alan & Jennifer Bishop, Marina Lobanova, Robert Bain, Dmitry Lushnikov, Gerry Phelan, Pam Ellis, Richard Delamore, Trevor Steele. Prelegis Trevor.

2a junio: Venis Volo, Robert, Trevor, Alan, Jennifer, Sandor, Nicole, Mei, Roger, Dmitry, Margaret kaj Jonathan,Greg,Cherry Cooper. Prelegis Trevor, Jonathan kaj Greg.

## SBS Radio



Bona elsendo pri la lingva festivalo en la rusa lingvo. Nicole informis AE

http://www.sbs.com.au/yourlanguage/russian/highlight/page/id/270346/t/Sydney-Festival-of-Languages/

Unue ni aŭdas Waltzing Matilda en Esperanto. Poste Dmitry parolas en la rusa. Li intervjuis ankaŭ ĉeestantinon kaj temas pri Di Mitchell. Ŝi parolas en la angla, sed ŝia voĉo estas preskaŭ tuj kovrita per la rusa traduko. Ja estas multaj mencioj de Esperanto







Lasta tago de SLF ĉe Esperanto Domo 2a Junio

# Aliaj aferoj

## LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.



"Pasintan lundon ni bonvenigis John Masson kiu vizitis nin el Perto. La aliaj ĉeestantoj estis Marcel, Alida, Jenny, Ken, Jim, Karlo kaj Heather.

Post semajno Karlo forveturos al Aŭstrujo por viziti sian familion. Ni esperas ke li bone ĝuos sian ferion."

Amike Heather




Karaj samideanoj

Mi sendas al vi ĉi tiun foton de la aviadilo kiu estas en mia ĝardeno, se ankaŭ vi, kiel mi, amas Esperanton, bonvolu rigardi en interreto mian "www.giardinoesperanto.com "

Bonan amuzon !

Gianni Conti el Italio

Sendis Margaret Chaldecott



Antaŭ nelonge mi ricevis de Jenny Bishop belan poŝtkarton pri kaj el Melburno. Kaj sur ĝi, salutojn kaj bondezirojn de 24 samideanoj kiuj partoprenis en la tiea Kongreso. Elkorajn dankojn al ĉiuj pro la trezoreto.

xo - po unu por ĉiu :). Vera

Pri Tamen Plu
Precipe interesis min la artikoleto verkita de Bob pri Indrani. Ŝia patro konsilis al ŝi, ne lerni tiun mortan lingvon! Sed ŝi trovis, ke ĝi ne nur vivas, sed estis eksterordinara ilo por interkonatiĝi kaj eĉ vivi (mallonge) kun homoj de kaj en preskaŭ ĉiu lando de la mondo. Kaj, plej bone por ni, ŝi decidis ekloĝi en *nia* lando. Brave Indrani, kaj ankaŭ Bob.
Sendis Vera Payne

Mi ilustris infankanton pri vestaĵoj. La kanto estas el la KD Urso kurso.
http://www.youtube.com/watch?v=F7VnSGAImdc
Ĉu vi sukcesas legi tion kion mi skribis sur la flugiloj de la aviadilo?
Amike, Nicole

## 3zzz

Kara Roger,
Dankon por la via senĉesa laboro por la novaĵleteroj, kiujn mi daŭre ricevas perrete.

Hieraŭ mi ĉeestis la jarkunvenon de la Esperanto Dissenda Grupo. Kelkaj lertaj Viktoriaj membroj laboras dum multaj horoj ĉiun semajnon por verki la programon kaj veturi al la radiostacio kaj paroli en la studio.

Nun kiam vi povas aŭskulti la elsendojn per la retpaĝo "www.3zzz.com.au" ĉiun semajnon aŭ per la arkivoj de www.melburno.org.au ne nur la ŝtatanoj de Viktorio sed la civitanoj de la mondo povas ĝui la sonojn de la lingvo Esperanto. Ni nun ricevas leterojn el homoj el multaj lokoj en la mondo kiuj aŭskultas al la 3ZZZ dissendoj.

Bedaŭrinde baldaŭ la dissendo de Esperanto per 3ZZZ ne povos daŭrigi se ne pli da membroj aliĝos al la Grupo. Ni devas havi pli ol 40 membrojn kaj la listo nun havas nur 41 membrojn.

Jara membreco kostas $15.00 aŭ por la pli aĝaj membroj la kosto estas $10.00.

Mi sendas al vi kopion de la formularo por ke iu ajn povu aliĝi al nia grupo.

Amike, Henry Broadbent

## 10 good reasons why you should be a member of 3ZZZ

1. Membership fees contribute to the running costs of the station. Without this revenue, the station would find it difficult to survive.
2. Membership ensures that your favourite program will continue to be broadcast.
3. Membership encourages the producers and broadcasters of your favourite program to work towards seeking more on-air time for your Broadcasting Group.
4. Membership gives you the opportunity to stand for election to the Committee of a Broadcasting Group as well as for election to the Council of the Station.
5. When you are a member, you can vote at a Broadcasting Group Annual General Meeting as well as at the Annual General Meeting of the Association.
6. As a member, you can have a say in the way in which programs are broadcast.
7. As a member, you can participate in activities around the station, helping in the office and the studios.
8. If you are interested in broadcasting, as a member you can apply to be trained in radio skills.
9. A member receives information from time to time about station activities.
10. Membership is a way of saying "thank you" to the community of broadcasters that bring you news, information and music week by week across the year.

**ETHNIC PUBLIC BROADASTING ASSOCIATION OF VICTORIA LTD**
**ACN 006 559 413**
POSTAL ADDRESS: P.O. Box 1106, Collingwood, 3066
Studios & Offices: 1st Flr, 144 George Street, Fitzroy, 3065
Office: Telephone - (03) 9415 1928 Fax: (03) 9415 1818
Studios: Telephone - (03) 9415 1923

## Membership application form

Please fill out all the details
Membership fees: $15.00 per year $10.00 (Concession for people over 60)
Seniors Card No.

Given Name ☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐

Family Name ☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐

Address ☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐

Suburb ☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐

Postcode ☐☐☐☐

Telephone (Work)__________ (Home)__________

Date of Birth__________

I wish to join the ESPERANTO Broadcasting Group. (see over)

PAYMENT DETAILS (Must be completed and accompany your payment)

Payment made by Cash ☐ Cheque ☐ Amount ☐

Cheque details.

Drawer_____ Bank_____ Branch_____ Cheque No._____

or charge my Bankcard ☐ Visa ☐ Mastercard ☐

Card Holders Name:__________ Card No.__________

Expiry Date:__________

I hereby apply for full membership. I support and abide by the policies and objectives of 3ZZZ

Signed:__________

Office use only
Receipt
Date
Member